


AGADO *de Esperantistoj en Jihlava*

JULIO — SEPTEMBRO 1962

# Pri la 14-a IFEF-Kongreso en Budapest

Por AGADO skribis Inĝ. Rebíček

Ne estas facila tasko skribi koncize pri tiu ĉi internacia renkontiĝo de samideanoj-fervojistoj. Seka raporto ne povas prezenti la verajn impresojn kaj por priskribi tiujn ĉi detale kaj laŭfakte — ofte mankas konvenaj vortoj. Jes, ja — estas necese travivi tian okazaĵon persone. Kaj se iu samideano iam partoprenos tiuspecan feston — certe li (ŝi) neniam forgesos la riĉegajn, ĉarmajn, travivaĵojn, kiuj amasiĝas en la koro, el kiu ekflagros neniam estingebla flamo de entuziasmo kaj kredo — ke iam devos venki la ideo de internacia lingvo, kiu ebligas pacajn, amikajn interrilatojn de vastaj popolamasoj.

Do, el la zono, longa zono de kolektitaj impresoj mi eltondos kelkajn por prezenti ilin al vi. Sed mi tamen dubas, ke mi sukcesos laŭefektive reprodukti ilin.

ĈE LA ŜTATLIMO. La rapidegtrajno n-no 4/7 haltas en la unua translima, do hungara stacio Komárom. Estas mateno, sabate la 5. 5. 1962. Scivoleme oni rigardas tra la fenestro. Homoj, imagu nur, tute samaj homoj kiel en nia lando pasadas laŭlonge de la trajno! Jes, efektive — do la Hungaroj estas homoj el ostoj kaj karno, tute kiel ni. Stranga afero, ĉu ne? Sed-kiel ili eniras la vagonon kaj ekparolas, ni — kvankam ankaŭ homoj — ne komprenas ilin kaj ili ne komprenas nin! Tamen ni vidas laŭ iliaj vizaĝoj kaj okuloj, ke ili ŝatus scii, kiuj ni estas, kion ni faras, de kie ni venas — kaj ankaŭ ni ŝatus scii la samon, ja multe pli, nome kiel ili vivas, kiel ili konstruas sian novan socialistan patrujon. Tiu ĉi ne plu apartenas al kelkaj nobeloj, sklavigantaj la laboreman popolon kaj vivantaj senzorge per ĝiaj kaloj. Tiel kaj tial ni sidas do unu apud la alia, unu inter la aliaj — mutaj kaj reciproke fremdaj. Iom honteme ni observas la stacidomon. Ŝajnas ja esti hodiaŭ iu solenaĵo. La domo estas ornamita per floroj kaj flagoj kaj flagetoj — hungaraj kaj verdaj kun verda stelo en blanka kvadrato! Sur vedra tabulo oni povas legi blanklitere: „RELOJ LIGAS LA LANDOJN — ESPERANTO LA POPOLOJN". Nu vidu, tion ni komprenas ja! Kompreneble, niaj karaj kamaradoj per tiu ĉi ornamo bonvenigas siajn gastojn el la tuta mondo. Post la pasporta kaj dogana esploro aperas sur la kajo du fervojistoj kun verda rubando kun surskribo „ESPERANTO" sur la brako. Rapide ni malfermas la fenestron. La fervojistoj per nia belsona lingvo bonvenigas nin en sia patrujo, ili demandas pri nia vojaĝo, ili notas niajn kongresnumerojn. Ili atentigas nin samtempe, ke nur kelkajn paŝojn apude en proksima kupeo sidas svedaj samideanoj kaj ĉe la trajnfino karavano da Poloj! Ni vizitas la Svedojn en la sama vagono kaj en amika interbabilado la tempo rapide pasas ĝis la trajno enveturas Budapeŝton.

EN LA KONGRESEJO. De la orienta stacidomo en Budapest ni estas tuj gvidataj de hungara samideano al la kongresejo. La koridoroj kaj la akceptejo zumas kvazaŭ abelujo. Vigla movado estas tie. Kaj tuj okazas la unuaj renkontiĝoj kun samideanoj ĝis nun konataj nur laŭbilde kaj estiĝas novaj amikecoj. Ni ricevas la dokumentaron, insignon kaj klarigojn pri loĝado, nutrado kaj aliaj aferoj. Jen do ni droniĝas plene en la sento! Efektivaj ondoj — ondoj de lingva sono — vekas atenton de la oreloj. Ĉe la komencantoj evidentiĝas iomaj neperfektaĵoj de prononcado, sed — cetere ĉiuj reciproke kvazaŭ konus sin jam delonge. Efektive dokumentiĝas, ke la ebleco de senpera interkompreniĝo estas grava helpilo por amikaj interrilatoj de ĉiuj homoj! Ili grupiĝas, ili interŝanĝas etajn memoraĵojn, jen ili notas reciproke adresojn. Aliaj interŝanĝas vojaĝkonsilojn, jen ili fotografiĝas. Nu, kvazaŭ temus pri „unu granda familio", kiel ni kantas en nia himno. Jes, nia lingvo estas komuna kaj ligas nin per sia granda ideo de interfratiĝo de la homaro!

LA SOLENA MALFERMO okazas en la granda teatra salonego de la kongresejo. Laŭlonge de la muroj, respektive balkonbaraĵo troviĝas la emblemoj de ĉiuj 13 pasintaj kongresoj. Ĉiuj lokoj estas okupitaj, en la unua vico de la amfiteatro la landaj delegitoj, inter ili ankaŭ s-ano Hiža, destinita de ČSEK. La unuan fojon okazas, ke ĉe la IFEF-kongresejo estas reprezentanta ankaŭ ČSSR. En frunto sur la scenejo la estrara tablo, super kiu ŝvebas grandaj E-flagoj kaj la emblemo de ĉi tiu kongreso. Meze sidas la prezidanto de IFEF, s-ano de Jong, ĉe lia maldekstra mano la ministro de trafiko kaj poŝto k-do Kossa, apud li la prezidanto de LoKoKo s-ano d-ro Bacskai. Ambaŭflanke la ceteraj funkciuloj, tute maldekstre nia fama kaj glora poeto s-ano Julio Baghy. Dum zumado de filmkameroj kaj brilego de multaj reflektoroj la prezidanto de Jong pa-

**ESPERANTO-EKSPOZICIO EN JIHLAVA**

**DOMO DE KULTURO LA 9-an - 16-an DE SEPTEMBRO 1962**

rolas pri la solenaj sentoj, kiuj regas nin dum tiuj ĉi momentoj. Li esprimas la admiron al la eminenta laboro de LoKoKo, al la efekt ve grand-impresaj aranĝoj, li akcentas la facilecon de interkompreniĝado dum niaj internaciaj kongresoj, do ankaŭ la nuna, kiun ĉeestas la anoj de 20 nacioj kaj tamen oni bezonas nek interpretistojn nek komplikan tradukaparataron. Niaj paroloj eliĝas el niaj koroj kaj ili tuŝas ankaŭ senpere la korojn, de ĉiuj aliaj. Sed niaj internaciaj kunvenoj estas eblaj sole dum paco, kiu estas la kondiĉo de la vivo, ĝojo kaj amikeco. Kaj nia lingvo kaj ideo do mu ton kontribuas al la paco, kiel tion esprimas ankaŭ la devizo super niaj kapoj: PER ESPERANTO AL LA MONDPACO. Li dankas ankaŭ por la eminenta subteno de nia kongreso al la protektanto s-ro ministro. Li invitas poste lin al parolo. Leviĝas do la ministro Kossa kaj — ekbruegas tondro de aplaŭdo. Li parolas esperante. Li parolas, li ne legas balbute iun tekston, skribitan en por li fremda lingvo. La unua surprizo de la kongreso! Jes la ministro estas esperantisto! Li akcentas la profundan volon de la hungara popolo al paco, por kies subteno eminente helpas tiuspecaj internaciaj renkontiĝoj, kiuj pruvas, ke ĉiuj homoj deziras la interkompreniĝon kaj la pacon. Li bonvenigas ĉiujn gastojn al sia patruio kaj deziras al ili agrablan restadon en Budapeŝto kaj ĉie en Hungario. Laŭvice parolas nun la landaj delegitoj — kaj efektive ĉiuj akcentas la deziregon de ni ĉiuj — konservi la pacon! La fervojista simfoniorkestro ludas la himnon, multaj samideanoj kantas kune. La kongreso estas malfermita. Sekvas komuna fotografado de pli ol mil ĉeestantoj sur la placo antaŭ la kongresejo kaj poste tagmanĝo en diversaj restoracioj. En la restoracio Gundel ĉeestis inter la delegitaro la ministro mem, amuzante sin vigle kun ĉiuj.

LA KUNSIDOJ, ĉu de la pleno, ĉu de la fakkomitatoj (kongresa, delegitara, redaktora, fakprelega, terminara, junulara) pritraktis ĉefe organizajn kaj speciale IFEF - aferojn. Ankaŭ tie evidentiĝas la facileco de interkompreniĝado.

LA AMUZAJ ARANĜOJ. La kongresa programo estis riĉa je amuzaj aranĝoj. Ĉiuj portas la saman signon de amikeco — la verdan stelon. La interkonatiĝa vespero estas bruega, en la babilado tute malaŭdiĝas artprogrameroj. La rondvojaĝo tra la ĉefurbo faras eminentan propagandon por nia lingvo. Tamen tro rapide pasas antaŭ la okuloj la multaj vidindajoj de Budapest. Raviga estas la panoramo de sur la Fiŝkaptista bastiono. Admirinda estas la nova sportstadiono meze de la urbo, neforgesebla estas la aspekto de la ĉedanuba parlamento kaj ties artaj kaj historiaj trezoroj. La impona monumento de liberigo, simbolo de dankemo al la soveta armeo. Ĉarma estas la vespera promeno ĉeborde de la Danubo, en kies fluo speguliĝas la perlaroj de lumo. Arta ĝuo estas la baletprezentado de „ROMEO kaj JULIE" en la Operdomo. Dum la solena muzik — kaj dancprezentado lunde vespere oni aŭskultas kantadon de famaj hungaraj aktoroj kaj oni admiras la temperamentajn naciajn dancojn, efektivigatajn de fervojistaj kulturgrupoj, oni amuzas sin per la lerteco de artosorĉistoj. La tradicia internacia balo ebligas al la dancemuloj ĝui la ritmon de muziko dum babilado kun novaj kaj novaj geamikoj diversnaciaj. Posttagmeza vizito de la Pionir-fervojo ree prezentas al la ĉiam malsataj okuloj la belecon de la apudbudapestaj arbaroj, parkoj kaj ekskursejoj kune kun novaj ĝis nun neviditaj panoramoj al la ĉefurbo. La ĉefdirektoro de la hungaraj fervojoj k-do Csanadi akceptas unu posttagmezon la delegitaron en sia dejorejo, interparolante kun ili — bedaŭrinde pere de interpretisto. MEM-anoj kunvenas priparoli siajn aferojn. Tiu ĉi kunveno fariĝas memorinda pro la unua parolo de nia soveta amiko k-do Sergejev, kiu sciigas kelkajn interesajn novajojn pri la tiea samideanaro. Kaj la promenoj tra la vigle trapasataj stratoj kun abundaj vendejoj, montrofenestroj, ebligas gustumi la ĉiutagan ritmon de la preskaŭ dumiliona grandurbo. Ni povas ja rapide transloki gi nin, car speciala legitimilo pravigas ĉiun kongresanon uzi senkoste ĉiujn transportrimedojn, inkluzive la tutan fervojaron de Hungarujo dum daŭro de unu monato!

Estus eble rakonti multegon pri la du ekskursoj, brilaj kaj sukcesaj per specialaj trajnoj al Miskolcz kaj de tie per aŭtobusaro (18 veturiloj!) al la grotaro de Aggtelek, kies parto kaŝiĝas subtere sub nia Domica. La rakonto pri la kongreso tamen ne estus kompleta, se oni preterlasus mencii la duan surprizon. Temas pri la vizito de la Aggtelek. Imagu al vi grandan, ja grandegan subteran spacon, salonegon, grotegan halon. En ties fundon malsuprenŝtupas duono de la ekskursantaro, dum la dua duono, trairas la longajn koridorojn de la grotaro. Sur iu altajo de la grotego sidas — la simfoniorkestro. Fine la lasta samideano alfundiĝas. La muzik stoj lumigas kandelojn ĉe siaj sidlokoj — kio okazos? La elektraj lampoj estingiĝas kaj ekflamiĝas la greka fajro. Vi vidas antaŭ vi kvazaŭ amason da lampiroj dum flagro de la grekfaraj flamoj. Ĉio silentiĝas kaj eksonas — nia himno. Ĉirkaŭ gardante oni vidas multajn okulojn plenajn de larmoj — pro emocio. Nemirinde — tiel penetra impreso — la dua surprizo de la kongreso. La orkestro ludas poste la „Preludion" de Liszt. — La dua ekskurso celas al la hungara maro — Balaton. Tie okazas la ferma kunsido dum kiu la ministro pridonacas ĉiujn delegitojn per albumo kun kongresfotografajoj. Dum la revojaĝo perŝipe la ministro enmiksiĝas en la amason de vojaĝantoj, babilante gaje kaj ofte petoleme kun kiu ajn. Bedaŭrinde revoje en la trajno okazas ankaŭ la adiaŭado — reciproka amika manpremo kaj deziro: „Ĝis revido - venonte en Skotlando!"

Rapidege pasis la agrablaj horoj kaj tagoj de la kunesto de nia internacia fervojista familio, sed la riĉegaj impresoj restas netuŝeble neforgeseblaj en la memoro!

Kaj resume. En kio baziĝas la eminenta signifo de tiu ĉi okazajo por ĉiuj samideanoj, ne nur por ni fervojistoj? Unu denova pruvo, ke homo al homo povas esti amiko, ja frato, se li trovas — komunan lingvon. Kaj due — ke ankaŭ en la socialistaj ŝtatoj troviĝas homoj — oficialuloj, kiuj komprenas la grandan signifon kaj eblecon, kiun garantias Esperanto por la paca kunesto de simplaj homoj, kiuj havas efektivan volon — vivi pace kaj kun reciproka respekto sur unu terglobo! Iru al kiu ajn Esperanto-kongreso kaj ankaŭ vi spertos tion!

*Julie Šupichová*

# Mluvím esperantsky

*(Mi parolas Esperante)*

Fin ĝo.

O ESPERANTU. — PRI ESPERANTO.

427. Slyšel jste již o esperantu? — Ĉu vi jam aŭdis pri Esperanto?
428. Rád bych chodil do kursu pro začátečníky. — Mi dezirus partopreni kurson por komencantoj.
429. Jak dlouho trvá kurs? — Kiel longe daŭras la kurso?
430. Obyčejně tři měsíce, pak dostanete vysvědčení o návštěvě kursu. — Kutime tri monatojn, poste vi ricevos ateston pri la partopreno en kurso.
431. Kdo pořádá kursy? — Kiu aranĝas la kursojn?
432. V Jihlavě Esperantský kroužek při Osvětové besedě. — En Jihlava la Esperantista rondeto ĉe Kleriga institucio.
433. Také ve škole v zájmových kroužcích se učí esperantu. — Ankaŭ la interes-rondetoj en lernejo havas Esperanto-instruadon.
434. Ještě nemluvím plynně esperantsky. — Mi ankoraŭ ne parolas Esperanton flue.
435. Rozumím lépe než mluvím. — Mi komprenas pli bone ol mi parolas.
436. Mluvíte dosti dobře, jen se nebojte. — Vi parolas sufiĉe bone, neniel timu.
437. Bohužel, nemám příležitost mluvit. — Bedaŭrinde, mi ne havas okazon paroli.
438. Měl byste aspoň často číst nahlas. — Vi devus almenaŭ ofte legi laŭte.
439. Víte o kursu pro pokročilé, který bude v krajském Domě pionýrů? — Ĉu vi scias pri la kurso por progresintoj, kiu estos en la reginona Domo de pioniroj?
440. Jsem samouk, ale teď se přihlásím do kursu. — Mi estas memlernanto, sed nun mi aliĝos al la kurso.
441. Před dvěma týdny byl založen Esperantský kroužek v Domě osvěty v N. První schůzi navštívilo 30 osob. — Antaŭ du semajnoj fondiĝis Esperanto-rondeto ĉe la Kultur-domo en N. La unuan kunvenon partoprenis 30 personoj.
442. Československý esperantský výbor (ČSEV) chce dokázat veřejnosti, že esperanto pomáhá k dorozumění národů. — La Ĉeĥoslovaka Esperanto-Komitato (ĈSEK) volas montri al la publiko, ke Esperanto servas al interkonatiĝo de la nacioj.
443. Esperantem budeme informovat o naší kultuře, životě a práci. — Per Esperanto ni informos pri niaj kulturo, vivo kaj laboro.
444. Předseda zahájil schůzi a přivítal přítomné hosty. — La prezidanto malfermis la kunvenon kaj bonvenigis gastojn.
445. Dnes přišlo do naší schůze několik soudruhů z Plzně. — Hodiaŭ venis en nian kunvenon kelkaj kamaradoj el Plzeň.
446. Náš zpravodaj nás seznámí s novinkami ze světového hnutí esperantského. — Nia raportanto konigos al ni novajojn el la tutmonda Esperanto-movado.
447. Vypůjčujeme si knihy a debatujeme o nich. — Ni prunteprenas librojn kaj diskutas pri ili.
448. Často také pořádáme společné vycházky, při kterých se mluví jen esperantsky. — Ofte ni ankaŭ aranĝas komunajn ekskursojn, dum kiuj oni parolas nur Esperante.
449. Dnes bude krátká přednáška o životě tvůrce esperanta. — Hodiaŭ okazos malgranda parolado pri la vivo de kreinto de Esperanto.
450. Kolik máte členů? — Kiom da membroj vi havas?
451. Umíte ještě jiné jazyky? — Ĉu vi scias ankoraŭ aliajn lingvojn?
452. Mluvím rusky a částečně anglicky. — Mi parolas ruse kaj parte angle.
453. Kdybych byl slyšel dříve o geniálním jazyce Zamenhofově, byl bych se mu naučil. — Se mi estus pli frue aŭdinta pri la genia lingvo de Zamenhof, mi estus lerninta ĝin.
454. Dopisujete si take v esperantu? — Ĉu vi ankaŭ korespondas en Esperanto?
445. Ovšem, dokonce s Číňany. — Kompreneble, eĉ kun Ĉinoj.
456. Rád si vyměňuji poštovní známky s esperantskými filatelisty. — Mi ŝatas interŝanĝi poŝtmarkojn kun filatelistoj-esperantistoj.
457. Je mou povinností odpovědět na každou došlou nabídku. — Estas mia devo respondi ĉiun ricevitan proponon.
458. Předplatil jsem si esperantský časopis „Vietnam kráčí vpřed". — Mi abonpagis, la Esperantan gazeton „Vietnamio antaŭenmarŝas".
459. Českoslovenští obránci míru věří, že pokrokové síly světa zvítězí. — La ĉeĥoslovakaj pacdefendantoj kredas, ke la progresemaj fortoj de la mondo venkos.
460. Esperantem k světovému míru! — Per Esperanto al la tutmonda paco!

---

AGADO — jam de sia komenco aperigadis regule ĉeĥo — esperantan frazaron de nia meritplena samideanino Julie Šupichová. Hodiaŭ ĝi aperas lastfoje. Ĝi prezentas en sia tuto studan materialon taŭgan por instruktoroj de B kaj C — kursoj, same kiel por la memlernantoj, kiuj povas ĉerpi el ĝia riĉeco.

Varman kaj sinceran dankon esprimas hodiaŭ al s-anino Šupichová ne nur la redakta komitato, sed ĉiuj legantoj, kiuj ĉiam senpacience atendadis la freŝan numeron.

Plurdeko da leteroj eĉ el eksterlando alvenintaj tion klare atestas. Kaj en la spirito flugas nia saluto al ŝi kun sinceraj bondeziroj . . .

## ČÍSLOVKY ZÁKLADNI

1 — unu
2 — du
3 — tri
4 — kvar
5 — kvin
6 — ses
7 — sep
8 — ok
9 — naŭ
10 — dek
11 — dek unu
12 — dek du
13 — dek tri
14 — dek kvar
15 — dek kvin
16 — dek ses
17 — dek sep
18 — dek ok
19 — dek naŭ
20 — dudek
21 — dudek unu
22 — dudek du
23 — dudek tri
24 — dudek kvar
25 — dudek kvin
26 — dudek ses
27 — dudek sep
28 — dudek ok
29 — dudek naŭ
30 — tridek
31 — tridek unu
32 — tridek du
40 — kvardek
50 — kvindek
60 — sesdek
70 — sepdek
80 — okdek
90 — naŭdek
100 — cent
156 — cent kvindek ses
200 — ducent
231 — ducent tridek unu
300 — tricent
1000 — mil
1962 — mil naŭcent sesdek du
2000 — dumil
3000 — trimil
atd.

Tyto základní číslovky se nesklonují. Sklonují se však počítané předměty. Např.: Mi aĉetis ses bonajn librojn. — Koupil jsem šest dobrých knih.

Číslovka „unu" může mít také funkci zájmena a pak přibírá i koncovku množného čísla. Např.: Unuj staris, aliaj kuŝis. — Jedni stáli, jiní leželi. Mi vidis unujn, sed aliajn mi ne vidis. Viděl jsem jedny, ale jiné jsem neviděl.

Vyšší základní číslovky mají formu podstatného jména; miliono — milion, miliardo — miliarda, biliono — bilion.

Názvy číslic přibírají koncovku -o. Unuo — jednička, duo — dvojka, kvino — pětka atd.

Číslovky řadové tvoří se ze základních číslovek přidáním koncovky -a. Sklonují se jako přídavná jména. Unua — první, dua — druhý, tria — třetí, kvara — čtvrtý, dek unua — jedenáctý, dudek tria — dvacátýtřetí, kvarcent dudek kvara — čtyřistadvacátýčtvrtý, atd.

Číselná příslovce přibírají koncovku -e. Unue — za prvé, due — za druhé, dek kvare — za čtrnácté, atd.

Číslovky násobné přibírají koncovku -obl-. Duobla — dvojnásobný, triobla — trojnásobný atd.

Kvaroble — čtyřnásobně, kvinoble — pětinásobně, okoble — osminásobně, atd.

Zlomky přibírají koncovku -on-. Duono — polovina, triono — třetina, centono — setina, milono — tisícina, milionono — miliontina. Duona — poloviční, duone — napolovic. „Ono" jako samostatné slovo znamená „zlomek".

Číslovky hromadné přibírají koncovku -op-. Duope — dvojmo, po dvou, ve dvojicích, triope — po třech, unuope — jednotlivě.

Předložkou „po" vyjadřujeme podílnost. Mi donis al la infanoj po tri pomoj. — Dal jsem dětem po třech jablkách.

## ĈU POVAS FELIĈO MORTIGI?

Iu sinjoro gajnis en loterio milionon. Sed li havis malsanan koron kaj tial lia edzino hezitis sciigi al li direkte tiun ĉi feliĉegan novajon. Ŝi venigis familian kuraciston kaj petis lian konsilon. La doktoro promesis, ke li mem priparolos la aferon kun la gajninto. Li vizitis, ŝajne nur hazarde, la sinjoron kaj post la bonvenigo ili komencis paroli pri diversaj okazaĵoj. Dum la babilado demandis la doktoro:

„Kaj diru al mi, kara amiko, kion vi farus, se vi gajnus milionon?"

Tia demando amuzigis la sinjoron kaj li respondis gaje:

„Ho, vi ŝercemulo, se mi gajnus milionon, mi tuj donacus al vi cent mil kronojn."

Kaj la doktoro — falis teren senviva. Ankaŭ li havis malfortan koron kaj la neatendita feliĉo mortigis lin.

Přípona — igi — znamená dát něco udělat, zařídit nebo učinit něco nějakým. (Varma — teplý, varmigi — ohřát; pura — čistý, purigi — čistit; droni — tonout, dronigi — topit (někoho).
povi — moci
feliĉo — štěstí
mortigi — usmrtit
sinjoro — pan, pán
gajni — vyhrát, získat
malsana — nemocný
koro — srdce
edzino — manželka
heziti — váhat
sciigi — sdělit
direkte — přímo
novajo — novinka
venigi — přivolat
familia — rodinný
kuracisto — lékař
peti — prosit
konsilo — rada
promesi — slíbit
priparoli — prohovořit, mluvit o něčem
afero — záležitost, případ, věc
gajninto — výherce
ŝajne — zdánlivě
nur — teprve, jen
hazarde — náhodou
bonvenigo — přivítání
komenci — začít
paroli — hovořit
diversa — různý
okazajo— událost, příhoda
babili — povídat si, rozprávět
demandi — tázat se, ptát se
diru al mi — řekni mi, řekněte mi
kara — milý
amuzigi — pobavit (někoho)
respondi — odpovědět
gaje — vesele
ŝercemulo — šprýmař
tuj — hned
donaci — darovat
fali — padat
senviva — neživý
malforta — slabý
neatendita — nečekaný

AGADO, neperiodický oběžník vydává Dům kultury ROH, esperantský kroužek, Tolstého 2, JIHLAVA — za spolupráce esperantského kroužku ZV ROH GRAFIA n. p. — Pov. MěstNV Jihlava 163-VA-62. — Tiskla GRAFIA JIHLAVA. Q-07*21414